

# Laborista Esperantisto

14DE JAARGANG, NO. 6, 1 NOVEMBER 1945
VERSCHIJNT ZO MOGELIJK MAANDELIJKS.
VOOR LEDEN GRATIS. OPLAAG 3500 EX.

Alle correspondentie betreffende de redactie en de administratie van dit blad gelieve men te zenden aan het secretariaat van de Federatie van Arbeiders-Esperantisten:
Vier Heemskinderenstraat 53 [2], Amsterdam-W.

ORGAAN VAN DE FEDERATIE VAN ARBEIDERS-ESPERANTISTEN
IN HET GEBIED VAN DE NEDERLANDSE TAAL

# REKONSTRUADO

La signifo de nia 26a kongreso estas grava, ne nur interne, sed ankaŭ ekstere, ne nur nacie, sed ankaŭ internacie.

Efektive montriĝis, ke al nia organizo ĉi tiuj kvin militjaroj ne senrimarke preterpasis. Grandparte la kontakto en tiu tempo perdiĝis, kaj ĝuste nia kongreso ebligis retrovi ĝin. En la diskutoj montriĝis la palpado, ni nomu ĝin spirita. Ne necesas kaŝi, ke de el diversaj anguloj esplorobservis pli malpli kaŝe, sed tamen konstateble, kritikemo kaj ioma malfido. Ĉu ekzistas bazo por tio? Evidente ne! Tamen estis fakto nerefutebla. Ĉu tio signifas, ke la kongreso faris malbonan impreson, ke ĝi estas iom seniluziiga? Por tia supozo neniel estas bazo. Male, ni povas esti certaj, ke ĝi bonege sukcesis. Ĝi rekonstruis tion, kio en la pasintaj jaroj difektiĝis, nome la kontakton kaj la scion pri la detaloj de opinidiferencoj en la organiza kadro.

Estas pli malpli modo, ke vekiĝas kaj prezentiĝas t.n. „novaj ideoj", estas kaj regas inklinoj, kiuj kondamnas ĉion antaŭmilitan, volas suriri novajn vojojn, dum aliflanke oni prudente inklinas konservi la valorojn el tiu tempo por plua konstruo, kaj hezitas aŭ malŝatas entrepreni eksperimentojn, pri kies sukceso ne ekzistas absoluta certeco, kaj eĉ dubo.

Por nia movado tio estas des pli grava, ĉar ĝi havas apartan specialan karakteron. Kiel laborista organizo ni havas definitan celon, favoran, ne nur al Esperanto, sed ankaŭ al nia klasa pozicio socia. Estas kombino, en kiu la stimulo de ambaŭ idealoj kuniĝas, kaj sekve donas fortan bazon kun propra karaktero. Tamen ankaŭ sur tiuj terenoj la opinidiferencoj devis interkonatiĝi post tiom da jaroj.

Estis antaŭvideble, ke ni en nia kongreso devos funde diskuti multajn problemojn, pri kiuj oni tamen ne estis plene kaj detale informitaj. Ĉu la kongreso plenumis tiun rolon? Nerefuteble jes! Kaj se eble oni efektive inklinis atendi nur ĝojon kaj subtenon pri ĉio pritraktata, neniel ekzistas kaŭzo por malĝoji pri la kongresaj interdiskutoj, kiuj tamen ne ĉiam povis kontentigi tiajn atendojn. Ĝuste tial nia kongreso tiom sukcesis, ĉar ĝi klare indikis al ni la vojon irotan. Ĝi ebligas nun konkrete labori celkonscie.

Necesas esplori, ĉu la statuto kaj regularo ankoraŭ konformiĝas al la postuloj por plej efike difini la organizajn aranĝojn kaj celojn. La komitato elektita en la kongreso por pristudi ĉi tiun aferon trovas subtenon en la diskutoj pri la diversaj flankoj. Kiam ĝi en la Paska kongreso en Alkmaar prezentos siajn konkludojn, tiuj sendube spegulos tion, kio en nia Federacio vivas.

La rezolucio montriĝis delikata afero, pro kiu estiĝis ioma malfido al la fed.estraro, en kiu la propono de Amsterdam III verŝajne interplektiĝas. Spite ke la fed.estraro neniel subtenis la proponon (pri Internacio) evidente oni nun kombinis ilin suposante, ke la rezolucio bazas sin sur opinio favora al nomita propono. Montriĝis, ke por tio ne ekzistas kaŭzo. Por akcenti tion la fed.estraro transprenis la amendon de Emmer Compascuum kun malgranda ŝanĝo en la teksto. Intermiksiĝis en tiuj priparoloj jam la prikonsideroj favore al efika internacia laboro por Esperanto.

La kongreso decidis redaŭrigi la funkciadon de la L.E.A. komitato en S.A.T., kiu laŭ la jam antaŭ la milito projektita programo okupos sin pri la laboroj internaciskale (ekz. pri „Esperanto ce la Instruado", „Infan- kaj junularmovado", „reprezento al oficialaj internaciaj instancoj", k.t.p.) La milito rompis ĉi tiun komencitan laboron. Sed nun estas eble ree eklabori por ĝi.

Alia grava decido estis tiu por starigi kontakt-komitaton kun la 3 aliaj landaj esp. organizoj, per kiu komitato ni celas reprezenti la tutlandan esperantomovadon por oficialaj entreprenoj, plenumi komunan laboron sur terenoj komunaj favore al la disvastigo kaj oficialigo de nia lingvo, kaj la akcepto de Esperanto en la lernejoj.

Ni esperas siatempe efektivigi tiun aranĝon ankaŭ internacie.

Estas decidoj organize kaj interkonsente akceptitaj, por kiuj ni rajtas postuli la plenan kunlaboron de ĉiuj niaj anoj senescepte. Kunigitaj laboroj kaj fortoj certigas sukceson plej efikan. Ĉiu flanka laboro malfortigas nian agadon. Konscie do la ŝultrojn sub nia laboro.

Konsidere al ĉi tiuj decidoj necesas atenti kion oni de aliaj flankoj klopodas entrepreni.

Estas ekzemple la „Universala Ligo", starigita sendepende de la aliaj esp.organizoj. Gin subite anoncis kelkaj esperantistoj, kies celo estas nenio alia ol fondi novan mondorganizon. Ĝi nomas sin „nepolitika, sed kultura, eduka kaj praktike realiga." Sed la bazo de ĝia celo estas, almenaŭ laŭ la vortoj, pure politika. Eble per tio ĝi klopodas distingi sin de la aliaj esp. mondunuiĝoj aŭ internacioj, por iel pravigi sian ekzistorajton. Ĝi nome akcelas ne malpli ol: „la unuiĝon de la popoloj por la sekurigo de la mondpaco.... k.t.p." Kaj por realigi tion la laborplano notas i.a.: „parola kaj skriba propagando; instruado kaj disvastigado de la internacia lingvo; libertempado kaj kursoj; eldono de literaturo.... k.t.p." „La oficiala lingvo de la ligo estas Esperanto."

La tuta afero tamen aspektas tia, ke ĝi estas private entrepreno, kiu serĉas „adeptojn" por haviĝi al si certan debiton favore al la eldonejo.

Tamen surirante la vojon de esperantista mondorganizo, ĝi povas kaŭzi nur malkontentiĝon kaj miskomprenon, dissplitiĝon kaj sekve malfortecon. Tial ĝi povas nur malutili al la esperantomovado. La idealo, kiun ĝi prezentas en sia devizo, nome la akcelon al Monda Federacio de ŝtatoj, ne estas nova. Ĝi jam apartenas kaj apartenis al pli da politikaj partioj. Se tiu nova ligo anoncas, ke ĝi ne estas politika, tiu difinita celo ja havas nenian valoron. Sekve ĝi kaŭzos pli multan konfuzon en ĥaosa mondo. Manifesti tian stultaĵon per Esperanto certe ne utilas.

La solan praktikan flankon ĝi skizas per sia laborplano, kiu tamen neniel sukcesas eĉ en unu planero doni ion novan aŭ superi la jam ekzistantajn esp. organizojn.

Kial do la entreprenintoj de la „U.L." (sub gvido publike de sinjoro Cseh k.a.) neglektis la organizojn?

Ĉu internacie ne ekzistas S.A.T., kaj I.E.L.?

Konsidere al tio ni alvokas la partoprenantojn en „Universala Ligo" apliki sian aktivecon en la organiza kadro ekzistanta. Se ĉiuj prudentaj esperantistoj komprenas la valoron de organiza laboro, ili ja devas influi favore al vere organiza interligiteco, kaj subteni tian laboron.

Saman alvokon ni direktas al tiuj, opiniantaj ke por junularo devas ekzisti tute aparta organizo sendependa, kia sin nomas „T.J.O." Tiu t.n. sendependeco tamen ekzistas el la gvido de kelkaj personoj, kiuj ne kapablas plenumi tion en la kadro de la jam ekzistantaj esp. organizoj, kaj sekve neglektas ties favorojn, kiuj ja utilas al la tuta esperantomovado. La ekzisto de tiaj apartaj organizoj povas kaŭzi nur dissplitiĝon, kaj tio neniel necesas. Ĉi tiun alvokon ni direktas al ĉiuj landaj organizoj ankaŭ ekster Nederlando, kaj al ĉiuj internaciaj organizoj esperantistaj: Atentu la favoron de via propra kaj nia komuna afero! Nia Federacio pretas akcepti kaj plenumi sian taskon por plej efika rekonstruado. Ni ne hezitas ataki kaj kontraŭi ĉion, kio malfavoras al tio.

Antaŭ ĉio ni akcelu konstruan laboron en la organiza kadro. Ĉiuj, kiuj flankeniĝis, estu revokataj.

Se ĉiuj esperantistoj komprenas sian taskon, ni povas esti tute certaj, ke la finvenko de Esperanto plej racie estos efektivigita.

---

### PROHUMANA PROTESTO.

**La fed.estraro sendis ĉi suban telagramon al Ministro Justicio, Madrid. En nomo de humaneco ni energie protestas kontraŭ turmento kaj mortigo de Zapirain kaj Alvarez.**

**Federacio Laboristaj Esperantistoj**
**Amsterdam, Nederlando.**

# IN EN RONDOM HET CONGRES

Ieder congres van onze Federatie staat in een bepaald teken. Ditmaal dan in het teken van de distributie. Plaatsgebrek in de congreszaal dwong het organiserende comité tot een scherpe rantsoenering van de toegangskaarten. Maar op mijn aanvraag werd dan toch gunstig beschikt. Gelukkig voor u, want anders had ge deze indrukken over het lief en leed der beide dagen moeten missen. En als niet-bezoeker hebt ge toch al zo veel gemist!

Het voorportaal naar het allerheiligste werd als van ouds ingenomen door de Libro-Servo. Na jarenlange ondergrondse verkoop kon dan eindelijk weer met gerechtvaardigde trots — maar niet tegen zwarte prijzen — de rijke sortering worden tentoongesteld. Romans en jaargangen, studie- en leesboeken, brochures en propagandageschriften torenden op de tafels, verleidden onweerstaanbaar tot kopen. Ondanks de geldschaarste zakten de stapels zienderogen.

Maar hoe het hart ook naar de boeken trok, de allergrootste plaats bleef bewaard voor het weerzien met de vroegere kameraden. Voor het eerst sinds 1941 was er weer openlijk contact met een officiële achtergrond. Ik moet u bekennen, dat juist het samengaan van ongedwongen en officieel contact mij in onze congressen zo aantrekt. Hoe belangrijk de agenda ook is, toch verlang ik het meest naar een gezellig babbeltje over de toestanden in afdeling X of over de vorderingen van gemeenschappelijke kennis Y.

Er viel nu ook weer zo veel te verhandelen. De lange periode van scheiding was eindelijk doorbroken. Veel bleef gelijk, meer veranderde en een belangrijk deel verdween voor immer. Namen werden genoemd en gevraagd en maar al te dikwijls klonken sobere zinnen ten antwoord, die verhaalden van een lichamelijke of geestelijke dood.

En hoe dachten zij, die ongeschokt uit de chaos te voorschijn waren gekomen, wel over de verhoudingen van het ogenblik? Men was wat harder geworden, wat meer op de werkelijkheid afgestemd; een beetje minder idealist en wat meer practicus. Het soms ongebreidelde optimisme van vroeger bleek het veld te hebben geruimd voor het besef, dat er nog een taaie en lange strijd moet worden gevoerd om tastbare resultaten te bereiken. Geen daverende overwinningen op papier dus meer, maar een moeizaam vechten om terrein te veroveren en te behouden. Met als beslissende factor in de komende strijd niet de hoeveelheid der strijders, maar de hoedanigheid.

Frisse bloemen en vlaggen kleurden de zaal, staken fel af tegen de sombere rouwbaan, die ter ere van de gevallen kameraden neerhing. Hen herdacht ook de voorzitter in zijn openingsrede. Lang was ditmaal de lijst der namen, die onder begeleiding van treurmuziek werd voorgelezen, lang en triest. Want bij dit laatste appèl bleek, hoe ook in onze rijen menig leven was afgesneden door dom bevel of grillig toeval. Staande en ontroerd luisterden de aanwezigen naar de vele bekende namen, omsluierd door de tere melodieën van Grieg.

En dan greep voorzitter Veen de hamer en timmerde aandacht voor de afgevaardigden van andere organisaties. De prijs werd weggedragen door den vertegenwoordiger van L.E.E.N., den heer Kalma, die geestig als altijd water naar de zee droeg, oftewel propaganda voor Esperanto maakte bij de arbeiders-esperantisten.

Ook S.A.T. zond groeten uit Parijs, hetgeen op prettige wijze herinnerde aan het contact met de kameraden buiten de lands- en taalgrenzen. Dit was toch wel het grootste geestelijke gemis in de afgelopen jaren: het wegvallen van het persoonlijk verkeer met het buitenland; de onmogelijkheid tot gedachtenwisseling over onderwerpen, die den enkeling na op het hart liggen en bij hem slechts tot vruchtbare ontwikkeling kunnen komen door vrije en openlijke behandeling met geestverwanten.

Van bestuurszijde kwam de verrassende mededeling, dat het aantal leden reeds de 2000 had overschreden. Natuurlijk was er weer een betweter aan de groene tafel en na een haastig gefluisterd betoog moest het getal 2000 worden herroepen en kwam er 2100 voor in de plaats. Voor hen, die dit nog maar minnetjes vinden, geldt dan de voorgaande opmerking over de kwaliteit van de leden.

Toen kregen de afgevaardigden van de afdelingen het woord en zij hielden het. Wie het woord niet kreeg, trachtte het tussentijds te nemen, maar de voorzitter greep onverbiddelijk in en hamerde de niet-gesanctionneerde debatten naar de privé-bovenkamers terug. Wat kunnen de kameraden praten! Mocht ik ooit hebben getwijfeld aan hun volhoudingsvermogen, dan ben ik daarvan weer grondig genezen. Wie aan het woord was, bleef aan het woord en wie te langen leste mocht opvolgen, sloot zich bij den vorigen spreker aan, zo niet met daden, dan toch met woorden.

Om de kwaliteit van het gesprokene te beoordelen, moeten we een splitsing maken tussen vorm en inhoud. Allereerst over de inhoud. Ondanks de — laat ik het breedsprakigheid noemen — was de kern het aanhoren over en over waard.

Er bleken opmerkelijke verschillen te bestaan in de levensruimte (!) van de verschillende afdelingen van onze Federatie. Dit kwam duidelijk tot uitdrukking in de debatten over sommige schijnbaar eenvoudige voorstellen. De verhoudingen op het platteland en in de provinciesteden liggen totaal anders dan in de grote steden van het Westen; en toch bestaan er ook hier sterke onderlinge afwijkingen. Voorstellen, waaraan b.v. de Amsterdamse kameraden geen woord behoeven te verspillen (en deden zij het maar niet), vormen soms een levenskwestie voor de kleine buiten-afdeling ergens in het Oosten.

Een weinig benijdenswaardige taak voor de afgevaardigden uit de grote stad! Ze kregen vaak mandaat om tegen te stemmen en nu na de debatten moeten zij volgens eer voorstellen in de grond boren, die zij volgens geweten gaarne hadden gesteund.

Maar taalkundig zijn we er hard op achteruit gegaan, onherroepelijk. De woordkeus bij de debatten is fundamenteel geworden, dat wil zeggen, komt niet meer boven de lijsten in Fundamento uit; de grammatica thuis draait zich zuchtend in zijn verloren hoekje om en de klankleer wrijft zich de oren uit bij het aanhoren van de nieuwe barbaarse verbindingen. Natuurlijk is dit allemaal een beetje overdreven, maar dan toch werkelijk ook maar een beetje!

Een woord van hulde aan de zwijgers is hier zeker op zijn plaats. Niet, achterdochtige lezer, omdat zij zwegen en ook niet, omdat zij daarbij geen enkele taalfout maakten, maar wel, omdat zij trouw en opgewekt de debatten volgden en eerst laat in de avond met motregen hun kwartieren konden opzoeken.

Er was een kameraad, die zijn kwartier wel vond maar niet kreeg tengevolge van een „misverstand" tussen gastheer en gastvrouw. Dit gaf de volgende dag aanleiding tot een taakundige discussie: men sprak over de „gastiganto", kwam tot de conclusie, dat het eigenlijk „gastigonto" zou moeten zijn, maar ook dit gaf het begrip niet duidelijk genoeg weer, zodat op „gastigunto" werd besloten. De aansprakelijkheid voor dit neologisme berust niet bij schrijver dezes, doch bij een erkenden autoriteit op taalkundig gebied.

De tweede congresdag begon met stralend weer en de geijkte S.A.T.-bijeenkomst. Het voor en tegen van de overige congresvoorstellen werd tot diep in de namiddag gewogen en gewikt. Een uiteenzetting over de debatten valt te enenmale buiten het karakter van dit praatje. Om met Theo Thijssen te spreken, wil ik mij er slechts toe bepalen, de kruimeltjes van de dis op te rapen en tot een pasteitje samen te voegen. Altijd in de hoop, dat er liefhebbers voor dit kostje zijn.

Slechts één uitzondering zal ik mij veroorloven: de besprekingen over het voorstel van Heilo, dat alle tendentieuze zinnen uit „La Komencanto" wenste te schrappen. De woorden van k-do Faulhaber namens het bestuur maakten indruk, krachtig en weloverwogen als zij waren. Het nu volgende debat begon met de opmerking, dat wij ons moesten schamen, omdat wij ons moesten schamen.. Jammer, dat er geen stenografisch verslag van de pro- en contra-betuigingen, vooral de contra!, werd opgenomen. Een woordelijke weergave van het gesprokene zou geestig genoeg zijn om er een paar kolommen van L.E. mee te vullen. Wat ik lang niet altijd van een debat kan zeggen!

Ten slotte was er gelegenheid vast te stellen, dat wij wel een zeer zuivere organisatie hebben. Er waren afdelingen, die nog zuiverder wilden zijn dan een zuiveringscommissie en een zuiver bestuur samen. Gelukkig zagen de overigen de zaak zuiver in en een stemming leverde dan ook zuivere winst voor de niet-zuiveraars op. Is dit geen zuivere weergave van de zuiveringsactie?

En hiermede ben ik dan aan het einde van mijn congresindrukken gekomen. Het was goed en het was gezellig. Gelukkig duurt het niet al te lang, tot er weer een congres komt. Nog maar zes maanden en dan is het zo ver. Dat konden wij vroeger aan het eind van een congres nooit zeggen. Waarmee wéér een punt ten voordele van het 26e is opgenoemd.

L. v. G.

---

## MATEN VAN BELANGRIJKHEID

De redacties van de verschijnende dagbladen en periodieken moeten o.a. ook rekening houden met hun lezers. Dit is een standpunt wat algemeen erkend wordt. Doch bovendien heeft de pers nog een taak te vervullen en dat is wel de voorlichting. Men mag op dit terrein niet aarzelen datgene, wat van algemeen belang geacht kan worden, naar voren te brengen. Het is de taak van de pers een open oog te hebben voor alles wat in het algemeen belang kan zijn, van welk standpunt men het ook bekijkt.

Op grond van deze overweging is iedereen gerechtigd de belangrijkheid van één algemene wereldtaal in de pers te bepleiten. Wat toch gaat uit boven een vraagstuk als dit voor het gehele mensdom in al zijn geledingen?

En toch, geachte lezers, staan vele redacties onverschillig hier tegenover en saboteren de drang der esperantisten om in de couranten meer aandacht hieraan te besteden. Hoe is het anders mogelijk, dat bladen als „Paraat" en „De Vakbeweging" wegens te geringe papiertoewijzing, zoals ze ons schreven, „onmogelijk beschouwingen over het vraagstuk van de internationale taal kunnen opnemen", of ons „niets kunnen beloven"?

Wanneer men de bladen leest, dan vraagt men zich echter wel af, of de opneming van zekere andere artikelen tegenover de belangrijkheid van het vraagstuk ener wereldtaal, wel verantwoord is. Het doet daarom wel eens goed aan, als men b.v. in de Groninger éditie van de Stichting „Het Parool", dat eens per week verschijnt, een artikel over de wereldhulptaal, van de hand van ons lid Feiko Munniksma, ziet opgenomen, dat bijna een hele pagina beslaat en een gedocumenteerd betoog voor het Esperanto is. Hiertegenover steekt de houding van de dagbladen in het algemeen en van vele periodieken wel scherp af.

# Raporto pri la 26a kongreso, okazinta la 6an kaj 7an de Oktobro en Amsterdam

En la tagmezo, la 6an de Oktobro, jam alvenis la kongrespartoprenantoj el la diversaj regionoj. Renkontiĝo post multaj teruraj jaroj. La salono estis ne tiom granda, kiom tiuj uzitaj de ni antaŭ la milito, sed ĝi intime aspektis pro la ornamo. Floroj, flagoj kaj tukoj donis al ĝi apartan karakteron. Speciala aranĝo de funebra honorigaĵo al la, dum la militaj jaroj, mortintaj anoj trafis la enirantojn. Alia aranĝo esprimis la konvinkon pri la triumfo de Esperanto. En la tagmezo okazis ekskurso al la Rembrandthuis. Je la 19a horo la kongresanoj jam ekkolektiĝis en la salono preparante sin por partopreni en, aŭ aŭskulti al la organizaj diskutoj. La salono, kiu povis enhavi 275 personojn, estis tute plena. Bedaŭrinde, ke ne eblis lui pli grandan salonon. Nun la malmultaj kartoj por nedelegitoj devis esti distribuataj inter multaj anoncintoj.
Regis agrabla kamaradeca sfero, kiu vekis entuziasmon.

## UNUA KUNSIDO.

Iom antaŭ la 8a la prez. de la O.K.K., k-do ten Hagen petas la atenton kaj diras, ke la O.K.K. en plena harmonio kun la fed.estraro sukcesis aranĝi ĉi tiun laborkongreson
Skizinte la malfacilaĵojn, renkontitajn precipe koncerne la salonon kaj esprimante la deziron, ke la unua postmilita kongreso estu fruktodona kaj sukcesplena, li transdonas la martelon al k-do Veen por malfermi la kongreson.
Malferma parolado.
Karaj gekamaradoj,
Post nigra periodo pasinta ni denove renkontiĝas. Kiam la milito skuis la mondon, ĥaosigis socion kaj ruliĝis detruige ankaŭ super la teritorio, kie nia Federacio trovis sian hejmon, la funkciado de nia organizo stagnis. Antaŭ kvin jaroj okazis nia 25a kongreso, kiam minacaj nuboj jam anoncis la alproksimiĝintan tondron. Preskaŭ jaron poste okazis la katastrofa eksplodo milita en la du landoj, kie nia Federacio havas sian laborterenon. En 1941 ne povis okazi nia 26a kongreso. Pro praktikaj kaŭzoj al vi konataj kaj de vi komprenataj, la fed.estraro devis decidi ne okazigi ĝin, sed anstataŭe aranĝi konsilantaran kunvenon. La subita perforta, nerajta kaj brutala klopodo de malhumana konkerinto, sin nomanta reprezentanto de supera raso, malebligis la funkciadon de nia organiza aparato, kaj minacis detruon al la tuta esperanta movado. Estis la absoluta celo de la malamiko ekstermi ĉion, kio rilatas al Esperanto, la lingvo, kiun li konsideris juda, kaj sekve laŭ malbenita rasoteorio, danĝera, kaj krom tio malkonvena al la principo de dissplitiga naciismo, kiu laŭ li estas idealo plej hominda. For do ĉio, kio favoras al interhoma alproksimiĝo tutmonda, for ĉio, kio ebligas rektan interkontakton inter la homoj sur la tuta tero. Ekzistas ja unu popolo, kiu superas ĉiujn aliajn, kaj tiu popolo de supera raso, tiu germana popolo reĝu pri ĉiuj aliaj. Jen la aroganta sinteno, kondukanta la homaron al katastrofo. Sukcesante konfiski preskaŭ la tutan organizan havaĵon, malpermesante pluan funkciadon de nia organizo kaj la agadon de la aktivuloj, li tamen ne sukcesis neniigi la plej gravan posedon, nome la spiritan, kiu apartenas al ĉiu enpenetranta en la esperantan vivon.
Ĉi tiu posedo ligas nin firme ne nur en nia lingvo-regiono, sed en la tuta mondo per fadenoj ne rompeblaj.
Ĝi estas ĉi tiu spirita posedo altvalora, kiu gvidis nin tra la jus spertita nigra periodo, kiu kunigas nin denove en nia 26a kongreso, en kiu mi havas la delikatan honoron saluti vin en la nomo de la estraro de vi antaŭ kvin jaroj elektita, kiu laŭpove plenumis la neantaŭviditan taskon gvidi la organizon tra ĉi tiu nigra periodo, rekolekti post la milito la disbatitan anaron kaj aranĝi la laborojn por la rekonstruo de nia Federacio, kiun rekonstruon ĝi per ĉi tiu, nia 26a kongreso, metas en viajn manojn, same la prijuĝon pri ĝiaj faritaj laboroj.
Kunvenante nun denove post la milito, ni memoras la travivaĵojn. Disrompiĝis la kontakto. Disiĝis familioj. Detruitaj estis loĝejoj. Bomboj kaj militaĝoj postulis viktimojn. Forkondukoj okazis al malamika lando, al malliberejoj, koncentrejoj kaj ekstermejoj. La kaŝa kontraŭlaboro al la malamikoj ne haltis, kaj pli kaj pli fortiĝis. Sed terure la kugloj de la „superaj rasanoj" faligis la homojn ĉirkaŭ ni kaj ankaŭ multajn el niaj vicoj. La malsato migris inter ni. La morto grimacis al ni de el ĉiuj anguloj. En fiteruraj koncentrejoj elsuferis homoj la plej racie elpensitajn turmentaĵojn. La akvo per torentaj inundoj droniĝis tiujn, kiuj ne sukcesis eviti ĝin. Sur la interfronta tereno multajn la morto trafis per bomboj, grenadoj aŭ aliaj mortigaj eksplodaĵoj.
Miloj kaj miloj, sendube milionoj da junaj fortaj kaj esperdonaj homoj oferis sian vivon por venki super la doktrino de la „superaj rasmaniuloj", kiuj estis tiom fanatikaj kaj senskrupulaj en siaj klopodoj por venki la mondon, por ekstermi demokration kaj humanismon, por kulti al unu reĝavida frenezulo.
Kiam ni denove nun renkontiĝas en ĉi tiu kongreso ni funebre honoras ilin, kiuj en la batalo por nia liberiĝo falis. Enprofundiĝis en nia konscienco la rekono, ke ilia ofero ebligis al ni la reagon por nia komuna afero. Ilia ofero ne estu vana. Efektiviĝu la tutmonda humanismo, al kiu nia esperantista movado celas doni la bazon de rekta interrilatado per sia lingvo al ĉiuj homoj egala.
Ni memoru en ĉi tiu momento la kamaradojn, kiuj en, aŭ dum kaj pro la milito forfalis el niaj vicoj. Iliaj nomoj troviĝas en la funebra kolono, aperinta en L.E.
Estas: (voĉleĝo de la nomoj dum k-dino Spaarenberg aŭdigas muzikaĵon de Grieg.)
K-do Daan van Ollefen deklamas:

### AL NIAJ MORTINTOJ.

Kvin jaroj de nesuferebla doloro,
Epoko de netolerebla teroro,
Forpasis feliĉe, kaj amo kaj vero,
Laŭ preĝo de l' Majstro, jam regas sur tero.

La esperantistoj en frata kunsento
Ne perdis esperon dum tiu turmento,
Sed senpacience atendis la horon
Por ree komenci la gravan laboron.

En frata konkordo okazas kongreso,
Sub signo espera de plua progreso,
Ĉar nun realiĝas la ardaj sopiroj
Al nova laboro, de pacpioniroj.

Sed, fratoj, en tiu ĉi ĝojplena horo,
Al kiu konstante sopiris la koro,
Pripensu, ke tiun ĉi tagon de l' jaro
Ĝisvivis ne ĉiuj el nia anaro.

En hejm' aŭ ekzilo, en kruda batalo,
Per bombo aŭ kuglo, per fajro aŭ ŝtalo
La morto jam multajn el vivo forŝiris;
Kaj pluraj el ni por la paco martiris.

En tiu ĉi sankte solena momento
Nin ligas al ili fratama kunsento.
Funebro nin premas pro morto ilia;
Malĝojo ekregas en rond' familia.

Ho, fratoj, vi niaj, en mondo etera,
Ni scias, ke regis vin amo sincera,
Ke kune kun ni en la paca batalo
Vi volis aspiri al mondidealo.

Vi, kiun la mort' senatende forprenis;
Vi, kiun murdist' en fremdlando katenis;
Aŭ vi, kiu falis sur kampo batala;
Kaj vi, kiun trafis la morto fatala.

Vi ĉiuj sopiris en fundo de l' koro
Ĝisvivi la ĝojon de tiu ĉi horo,
Por frate labori sub signo de l' stelo,
Al fina triumfo de sankta la celo.

Ni jure promesas al vi, kamaradoj,
Ke vanaj ne estos la fortaj penadoj!
Ni ĝoje daŭrigos en via laboro,
Kondukos la lingvon al celo en gloro!

Kaj iam la hor' de triumfo alvenos;
La mondo feliĉos kaj ĝoje vin benos;
Memoros pri vi kaj kun danka fratsento
Dediĉos honore al vi monumenton!

(Verkis G. J. Degenkamp.)

La prezidanto daŭrigas: Gek-doj, ĉi tiu kongreso ne estas tute simila al tiaj okazintaj antaŭ la milito. Tiam ni ligis ion al tiuj tutorganizaj kunvenoj, kiuj donis samtempe la eblon por renkontiĝi al kiel plej da anoj kaj samtempe ni utiligis la okazon por fari propagandon. Imponis la nombro da partoprenantoj, imponis la festvespero, la festo de la ĉiujara renkontiĝo, imponis oficialaj aranĝoj. Nun la kongreso estas modesta. La cirkonstancoj ne favoras. Kaj spite ke multaj el niaj gekamaradoj sopiras renkontiĝi, kaj ĝojus se ili povus ĉeesti, ili tamen ne povas. La malhelpoj estas multaj. Tute libere movi nin, kiel antaŭe ne eblas. La trafiko ne plu funkcias tiel glate, ne ĉio denove estas en bona ordo, pri grandaj salonoj ni ne povis disponi, la tempo por la antaŭpreparo ne estis sufiĉa, sekve ni povus konsideri, ĉu ne estus pli bone atendi pli konvenan eblon de aranĝo. Tamen la organiza favoro, vi komprenas, postulas interkonsiliĝon, interkonsiliĝo, kiu, se ne tute kompleta, tamen estu kiel eble plej larĝa kaj funda. Tial en ĉi tiu salono ni kunvenas, ni diru, modeste, sed tamen ĝia signifo povas esti tre grava kaj precipe multvalora por la posta kongreso, kiu prefere okazu je proksima Pasko. Ĉeestas ĉi tiun kongreson 95 delegitoj el 59 sekcioj, 7 ĝeneralaj anoj, la konsilantaranoj kaj la gastoj (entute 267 ĉeestantoj). Ilin mi bonvenigas kaj salutas en la nomo de la fed. estraro.
Specialan saluton ni direktas al la reprezentantoj de niaj fratorganizoj: L.E.E.N. - N.C.E.V (montriĝis, ke ankaŭ la reprezentanto de N.K. ĉeestis. Red.).
Starante antaŭ nova periodo por nia Federacio, ni devas interkonsiliĝi pri sufiĉe gravaj problemoj, kiuj en la estonto donu la direkton al nia organizo. Rekolektinte nian anaron kaj aranĝinte denove la organizan aparaton, la fed. estraro atentis diversajn flankojn. Ĝi faris la necesajn laborojn por laŭkonvene agi konforme al tia deziro, kia esprimas sin en la kongreso, laŭnecese ĝi sondis la opiniojn koncerne al aranĝoj por kunlaboro naciskale, pridiskutis la eblojn sur internacia tereno: interne ordiĝis la funkciaden de la Libro-Servo, kies posedo feliĉe ne falis en malamikajn manojn, kaj restariĝis koresponde la kontakton kun la diversaj instancoj, kies refunkcio povis esti efektivigitaj. Laborista Esperantisto reaperis plej eble baldaŭ, kaj ĝia kvina numero evidente jam estis en via posedo antaŭ la komenciĝo de ĉi tiu kongreso. La unuaj ekzamenoj okazos en ĉi tiu monato. Spite al la grava papermanko aperis murafiŝo kaj propaganda broŝuro. Ni sukcesis bindiĝi 500 ekzemplerojn de „Tra la Labirinto". Aperis la nova libro. „La Perfido", kies apero anonciĝis en 1941, sed kiu pro la okazintaĵoj foriĝis en kelo, jam presita, sed ne bindita. Kiam ĝi do nun trafos en viajn manojn, vi sciu, ke ĝia eksteraĵo estas militkvalita, sed la interno 100% malnovkvalita. Ĝia apero sendube es-

tas alte taksata. Pluraj manuskriptoj atendas eldoneblon. Projekto de ekzerclibro estas parte preta, parte pristudata. La literatura komitato rehavas kontakton almenaŭ inter la nederlandaj anoj. Bedaŭrinde nun ne eblas ĝiate interrilati kun la eksterlandaj partoprenantoj. Mortis laŭ ricevitaj informoj Helmi Dresen el Estonio, fervora kaj diligenta kunlaborantino.
Oficejo por la Federacio provizore estas luita. Kiel oficiston ni sukcesis dungi k-don Degenkamp, kiu nun anstataŭas k-don Kroonder. Ĉi lastnomita dum la milito instalis privatan eldonejon, pro kio li, kiel oficisto, por ni perdiĝis. Ni de ĉi tiu loko dankas al li pro la grava laboro, kiun li, en sia iama funkcio, por la Federacio faris. Feliĉe li ne tute perdiĝis por niaj laboroj, ĉar li restos okupanta sin pri la komercaj aranĝoj por la L.S., kaj partoprenas en la Libro Serva komitato. Ĉi tiu komitato rekomencis sian laboron kaj kunvenis por priparoli la necesajn aranĝojn, kiuj en la nuna tempo estos eblaj.
Magazeno por la L.S. estas luita, kaj ni spite la transportajn malfacilajojn sukcesis rekolekti el la diversaj lokoj, kie la libroj estis kaŝitaj, la disponeblan stokon. Vi komprenas, ke ne eblis tuj plenumi la multajn mendojn, kiam ni ne disponis pri la tuta stoko kaj daŭre baraktis en ĉiuspecaj malhelpoj. La nura solvo estis la dungo de oficisto, pri kio mi jus raportis.
Presigata estas la lernolibro de k-do de Bruin „La komencanto". Por kiel eble plej racie uzi la disponeblan paperon ni estis devigitaj provizore eldoni nur tiun lernilon. Ni esperas, ke ĝi baldaŭ povos servi en niaj kursoj.
Ne eblas tuj ĉion aranĝi en tia grado, kia antaŭ la milito. Tamen ni celkonscie laboras por atingi la antaŭan nivelon kaj estas ĝojiga fakto, ke ni antaŭ ne longe enskribis la du-milan aliĝinton al nia organizo, kaj nun kunvenante en nia kongreso, ni povas informi vin, ke la organizo jam nombras pli ol 2100 anojn. Rilate al la financa stato ni povas informi vin, ke ni okaze de la konfisko perdis ĉion monan. Dum la milito ni tamen kaŝe vendis librojn, fakte nur kun la celo povi disponi pri certa sumo, kiam la tempo por rekonstrui nian Federacion estos favora. Konsiderante, ke la stoko da libroj konservas sian valoron pli sekure ol eble la mono, ni bremsis la vendadon. Se ni ne estus aĝintaj tiel, tre verŝajne ni nun ne disponus pri eĉ deko da libroj. Alian helpon ni renkontis ĉe pluraj restariĝintaj sekcioj, kiuj por helpo al nia organizo kolektis pli ol f 800.—, kiu sumo kun tiu de la venditaj libroj ebligis al ni entrepreni ĉion necesan. Estas komprenehle, ke la sumo kolektita ne forkonsumiĝis. Ni konsideris ĝin kiel kromkason, pri kiu ni povas disponi. Pri ia destino ni povos paroli en ĉi tiu kongreso. Al la donacintoj nian sinceran dankon.

Se ni do povas ĝoji pri certa sukceso en la rekonstruo, nia organizo tamen ankoraŭ sangas el multaj vundoj. Necesas zorga flegado. Ne refunkciis ankoraŭ nia Radio-Servo, nek niaj „Infangrupoj". La „Gazetar-Servo" estas eklaboronta, sed ankoraŭ ne povas atendi vastan gazetaron kun, por ĝi, disponebla spaco. La komitato „Esperanto ĉe la Instruado", la multpromesa instanco, en kiu nia Federacio kunlaboris, preskaŭ mortis, kaj la rekonstruo estas nepre nun tute de la komenco. La kontakto kun la eksterlando perdiĝis; S.A.T. baraktas en ĥaosa mondo por retrovi almenaŭ sian ekvilibron. La L.E.A. komitato, kiu ankoraŭ estis fakte en la vindajoj de jusnaskito malhavis la necesan nutron kaj al ni la tasko esplori, ĉu ĝi ankoraŭ spiras. Malĝlatas la trafiko kaj transporto. Malestas materialo kaj maŝinoj. Defektiĝis ĝeneralaj moraloj. Perdiĝis multo altvalora, kio antaŭe servis al niaj bezonoj en delikata abundo kaj komforta medio. Nun perdinte tion, ni scias taksi la valoron, kiun ni eble antaŭe kelkfoje malatentis aŭ akceptis kiel ordinarajon. Facila, gekamaradoj, nia tasko ne estas. Sed ni lernis kompreni la tutan valoron de tio, kion ni perdis, kaj ni penos por reakiri ĝin kaj eĉ pli ol tion. Ĉi tiu konscia volo stimulu ankaŭ nin en niaj laboroj. Ni en ĉi tiu, nia 26a kongreso, interkonsilos por sur iri la vojon kondukantan al la favoro por nia Federacio speciale kaj por la Esperantomovado ĝenerale.
En la proponaro vi trovas la atestojn pri ĉi tiu priskribita inklino. Kaj krom tio vi povas aŭskulti en ĝi la batantan koron de la laboristaro, kiu batalas por la plibonigo de sia pozicio, kiu batalas por akiri homindan vivoeblon, kiu batalas por socialisma socio, kaj en Esperanto ekkonis gravan ilon nepre bezonatan por la realiĝo de ĉi tiu idealo. Ĝi postulas la liberan disponon pri la aparato necesa por informi kaj entuziasmigi samsortanojn kaj samklasanojn. Al ĝi la rajto efektivigi tion kaj eldevigi la respekton, kiun ĝi meritas. Estus honto, se ni maskus tiun altvaloran principon, ĉar tiel ni malservus al la favoro de nia idealo, malservus al la socialismo kaj sekve malservus al Esperanto, ne utiligante la kombinon de ambaŭ.
Konsidere al ĉi ĉio mi rekomendas al via atento la proponojn pri la landa laboro, pri la internacia laboro kaj pri tiuj koncerne al la strukturo de nia organizo. Ili devos doni al ni klaran bildon pri la irota direkto, kiu kondukas nin, kaj kiu ebligos al ni ne nur plej celtrafe la renkonstruon de nia Federacio, sed certigas al ni pluan iron por daŭre plivastiĝanta anaro, marŝanta al la Triumfo de Esperanto.
Nian 26an kongreson mi deklaras malfermita.

## SALUTOJ.

Post la malfermo salutparoladas reprezentantoj de L.E.E.N. kaj N.C.E.V.
Mr. Kalma nome de L.E.E.N. per tre sprita parolado i.a. diras, ke L.E.E.N. tute ne estas jaluza, male oni partoprenas en nia sukceso. Li laŭdas la kamaradecan sferon en la federaciaj kongresoj kaj esprimas sian ĝojon pri la kunlaboro en aferoj, kiaj ekz. la muzeo k.t.p.
Ridoksplodon li kaŭzis per siaj klarigoj pri la nova mondlingvo Basic.
Via kongreso kontraŭbatalas tiujn ĉi strangaĵojn; jam pro tio ni deziras al vi agrablan kaj sukcesplenan kongreson.
S-ro de Hoog, de N.C.E.V. salutas nian kongreson nome de sia organizo.
Li laŭdas niajn lernolibrojn kaj romanserion kaj deziras al la kongreso multan sukceson.
Salutleterojn sendis:
K-do Bannier nome de S.A.T.
K-do Sulsky (Anglio).
F.E.T. (Brussel).
K-do W. Drees (ministro), kiu bedaŭras, ke li ne povas partopreni la kongreson.
Sekcioj Assendelft kaj Winterswijk.
K-do J. Lem, kiu pro familiaj cirkonstancoj ne povas veni.
Buŝe de k-do Faulhaber ni ekscias, ke k-do Brückenberger estas grave malsana.
Li transdonas la bondezirojn de sia edzino kaj de k-dino Derlagen (Oostzaan).
Fine la prez. komunikas, ke „Dico" okaze de ĉi tiu kongreso donacis al ni la duonon de nia ŝulo, nome f 1400, —, kion la kongreso aplaŭde akceptas.
Krome poste atingis nin ankoraŭ skribaj salutoj kaj sukcesdeziroj de Dana Laborista Esperanta Asocio, subskribita de ĝia prezidanto Holger Hansen, de nia sekcio Gent, pere de k-dino De Cock, kaj de nia membro k-do Jac. van Wijngaarden.

## ĈEESTLISTO.

Al la kongreso ne sendis delegitojn la jenaj sekcioj: A'dam XIV, Alblasserdam, Bussum, Gent, Goes, Krimpen a/d Lek, Sliedrecht, Vaals, Vlissingen, Willebroek, Winterswijk.

## ELEKTO VOĈDONKOMISIONO.

La estraro kandidatigas k-dojn v/d Starre, Mittendorf kaj Koeman, kiuj pretas plenumi tiun taskon. (Akceptite.)

## RAPORTOJ.

Por pridiskuti la raportojn anoncas sin k-doj Wels, v. Essen, Varkevisser kaj Tjepkema.
K-do Wels diras, estas la unua fojo, ke li petas la parolon pri raportoj de la fed. estraro. Generale li povas nur laŭdi la laboron de la estraro. Ni tamen ne venis ĉi tien por flati unu la alian, sed por ĝustavorte plendi kaj kritiki.
1e. Kiam la Federacio denove komencis funkcii oni likvidis la A. R. Sajnas al li pli bone, se la estraro estus atendinta ĝis la kongreso.
2e. La aranĝo de ĉi tiu kongreso. Oni venas kun gravaj ŝanĝproponoj, nekonsultinte la federacian konsilantaron.
Liaopinie ĉi tiu kongreso povas esti nur konferenco, en kiu ni faras nur provizorajn decidojn. Plej tiklis lin la fakto, ke en la nova rezolucio oni parolas pri internacio aŭ mondorganizo, spite nian konvencion kun S.A.T.
Tiom longe, kiom ekzistas tiu ĉi konvencio, ni ne parolu pri aliaj ebloj.
Laste li esperas,ke la estraro komprenos, ke tiaj surprizaj ŝanĝproponoj povas kaŭzi konfuzon. Estus pli bone, se la estraro sendus eventualajn gravajn proponojn antaŭe al la sekcioj kaj nur okaze de favora opinio oni prezentu ilin en la kongreso.
K-do v. Essen, samopinias kun k-do Wels. Pri ĉi tiu kongreso li ne atendis, ke prezentiĝos tiom gravaj proponoj. Ankaŭ li opinias netaŭge fari gravajn decidojn. Li konstatas, ke la estraro volas starigi komitaton, kiu ĝiaopinie estas kompetenta juĝi pri tiom gravaj proponoj kaj inverse juĝas la kongreson nekompetenta. Kial do la estraro prezentas la novan rezolucion?
K-do Varkevisser esprimas siajn ĝojon kaj dankon, ke la fed. estraro konservis nian movadon. Montriĝas, ke Esp-o vivas, sed multajn barojn ni ankoraŭ devos venki.
Li supozas, ke oni venis ĉi tien por fari gravajn decidojn kaj avertas la kongreson pri

## NIA KONGRESO

*La kongreso de nia Federacio je la 6a kaj 7a de oktobro restos neforgesebla en la historio de la laborista esperantomovado. Ne pro la akceptitaj aŭ malakceptitaj proponoj, kiom ajn gravaj ili estas. Sed tiu kunveno en la ĉefurbo de Nederlando donis la pruvon, ke en ĉiuj lokoj de nia lando la gekamaradoj restis fidelaj al siaj idealoj, kaj ke ili bonege konservis sian konon de Esperanto. Tio ja estis fakto miriga.*
*Dum kvin jaroj skurĝis nin la germanaj entrudintoj, ili malpermesis niajn organizojn, ili disbatis ĉiun humanismon, ili mortiĝis en siaj koncentrejoj plurajn el niaj kamaradoj. Post la spertitaj terurajoj, post la periodo de malsato ankoraŭ eĉ ne pasis duona jaro, kaj la Federacio jam tiel reorganizis sin, ke ĝi povis okazigi kongreson.*
*Kun iom da timo ni eniris la kongresejon. Ĉu regus ankoraŭ la sama entuziasmo, kia antaŭ la milito? El la interparoloj, tuj esperantlingve, evidentiĝis, ke nek la urbanoj nek la vilaĝanoj aŭ la kampanoj forgesis la konon de Esperanto. Ĉu tio ne pruvas la forton de nia idealo? Kaj poste dum la diskutoj pri la diversaj proponoj ni ankoraŭ pli bone povis konstati, kiel nia tutmonda afero okupas la korojn kaj la cerbojn de niaj gekamaradoj. Ĉar kiel trafe la delegitoj sin povis esprimi, jen humore, jen akre, jen kolere. Kvazaŭ la milito tute ne estus skuintaj ilin. Ĉu kvazaŭ? Ne, efektive! Feliĉa devas esti la laboristo, kiu povas ĉerpi el la du fontoj: Laborismo kaj Esperantismo, ĉar per ili oni povas transvivi ĉiujn mizerajojn!* H. S.

# LA SUBAKVIGO DE WALCHEREN

(Fino)

Nun ni povis iri al niaj laborejoj, kio tamen ne estis facila, ĉar estas nur unu vojo de Middelburg al Vlissingen: laŭlonge de la kanalo kaj la irado eblas nur, kiam estas malfluso. Dum fluso la vojo estas subakviĝinta. Ni do vivis kiel fiŝkaptistoj laŭ la tajdoj. Ĉar ankoraŭ multe da homoj loĝis en la vilaĝoj tute ĉirkaŭitaj de la akvo, oni komencis evakui ilin al Z.-Beveland, kie ili ankoraŭ estas. Ankaŭ la brutaro iris tien. Tamen ankoraŭ nun loĝas homoj en ĉiuj vilaĝoj.

Nun komenciĝis la mizero. La plej granda parto de la greno, terpomoj kaj legomoj subakviĝis kaj la bovinoj kunportis sian lakton al Z.Beveland. Manĝaĵoj do preskaŭ mankis al ni. Sed kiu pensis pri tio; ni estas liberaj, do nun ni ricevos multajn manĝaĵojn k.t.p. Ni ja ofte sciiĝis per „Radio-Oranje" kiom multe oni konservis por ni. Ni atendis semajnon, monaton, duonan jaron kaj vekiĝis seniluziigitaj. Necesis unutaga striko por iomete pli multigi niajn vivrimedojn.

Tamen ni ne estis gajaj, ĉar ĉiuj pensis pri siaj parencoj kaj konatoj „trans la riveroj". Kiom ĝojaj ni estis, kiam ni aŭdis kaj legis, ke oni sendos manĝaĵojn per aviadiloj al vi, sed kiom ni blasfemis kiam ni rimarkis, ke oni tro longe prokrastis la sendon. Ĉiufoje, kiam la aviadiloj pasis super nin, ni demandis nin: „Ĉu nutraĵo?" Fintine ni sciiĝis, ke oni faligis la nutraĵojn. Tio kontentigis nin.

Kaj ni ankaŭ ĝojas, ke oni liberigis vin ne per bomboj, grenadoj kaj akvo. Ni scias, ke vi funebras pri viaj mortintoj, sed ankaŭ ĉi tie multaj perdis la vivon. Vi ĝoju, ke nur malsato turmentis vin, ĉar, se tion akompanus ankaŭ bombardadoj, viaj perdoj estus multe pli grandaj.

Nun ni ĉiuj atendas la sekigon de Walcheren. Oni faras provizorajn digojn antaŭ la difektitaj digoj kaj kiam ili estos pretaj, oni komencos la senakvigon de la tero. Sed tio estos longedaŭra laboro, ĉar ĝi ne okazos simple.

Dum fluso 50.000.000 m³ da akvo enfluas la insulon kaj dum malfluso tiu kvanto refluas. Vi do povas kompreni kiom tiu kontinua al- kaj refluo detruas.

La homoj, kiuj ankoraŭ loĝas en la vilaĝoj, troviĝas ĉiuj en la subtegmentejo, ĉar dum la fluso la stratoj kaj teretaĝo, subakviĝas. Gason, elektron kaj akvon ili ne havas.

La trafiko okazas per diversaj boatoj kaj flosoj. Kiam mi ekzemple en Souburg deziras viziti mian domon, en kiu mi ne povas loĝi kaj mi bezonas ion el la havaĵo, staranta en la subtegmentejo, mi iras al la polico kaj petas permeson. Oni fiksas daton kaj tiam polica persono akompanas min per sia boato, kiu konsistas el du kunligitaj ĉerkoj. Multe oni jam faris por plibonigi la trafikon inter la vilaĝoj. Inter Middelburg kaj Vlissingen la trafiko estas kontentiga.

De post la komenciĝo de januaro mi loĝas en Vlissingen en domo de forkurinta N.S.B.-ano. En tiu ĉi urbo, kies duono subakviĝis, pli ol tri kvaronoj el la domoj difektiĝis. Ni bonŝancis, ĉar ni loĝas sufiĉe komforte. Elektro, gaso kaj akvokondukilo jam funkcias.

Bedaŭrinde en ĉiuj fenestroj mankas vitro, sed ligno kaj pecoj da vitro anstataŭas vitron. Unu helpas alian per la nepraj bezonaĵoj, ĉar multo mankas. Multe da mastrumiloj kuŝas sub la akvo, ĉar ne ĉiu havis sufiĉe da tempo por savi ĉion. Sed malgraŭ ĉio ni ankoraŭ vivas. Sed facila kaj komforta ne estas la loĝado multopa, sen vitro, sen tegoloj; kaj la spaco, en kiu ni povas movi nin, estas tre malgranda pro la nin ĉirkaŭanta akvo.

Restas do la nin ĉiutage okupanta demando: Kiam sekiĝos Walcheren? Pro tio ankaŭ nia sekcio de la Federacio ne povas flori. Ni ne havas kunvenejon, malfacile povas viziti unu la alian kaj cetere ni ĉiuj pensas nur pri la malapero de la akvo kaj kiel ripari la domon, tegmenton k.t.p. antaŭ la veno de la vintro.

Multajn vundojn de la milito mi vidis dum mia vojaĝo al Amsterdam. Mi vidis Steenbergen, Dinteloord, Willemstad, Woudenberg, la havenojn de Rotterdam kaj Amsterdam, sed tamen ili ne montras tian nekonsoleblan aspekton, kian Walcheren kun la sala akvo, kie kreskas nenio, kie staras meze de la somero la arboj senfoliaj, riproĉante etendantaj siajn brakojn al la Homo kiu kapablis tiom terure krueli. Marso faris sian laboron bone. Li povas esti kontenta.

Kiam aŭdiĝos la senhipokrita krio: „Neniam plu milito!"? J. J. HOUTEKAMER.

*Ingezonden*

## Tutmonda junular-movado

Het artikel van k-do W. Braakensiek in de vorige L.E. belicht een pijnlijke zaak, die, nu die ter sprake gebracht is, ook recht gezet dient te worden.

Het eerste bezwaar, dat Br. aanvoert is, dat T.J.O. en het T.J.O.-bestuur door mevr. v. V.-B. geleid worden, en dat zij zich niets aantrekt van de wil van het bestuur. De zaak is deze, dat T.J.O. tot 1941 La Juna Vivo kon gebruiken voor de berichten enz. der organisatie en dat de leden op L.J.V. geabonneerd werden. Maar L.J.V. was een persoonlijke uitgave van mevr. v. V.-B. en daardoor had het bestuur geen zeggenschap in redactionele of financiële zaken. Sinds 12 Aug. j.l. is L.J.V. het officiële T.J.O.-orgaan en wordt door T.J.O. beheerd. Als bestuurslid is mevr. v. V.-B. redactrice met verantwoording aan het bestuur. Dus het eerste bezwaar bestaat niet meer.

Wat het tweede bezwaar betreft, dat T.J.O. geen jeugdorganisatie zou zijn, het volgende. T.J.O. kent leden en daarnaast aspirantleden, jonger dan 14 jaar en ondersteunende leden, volwassenen.

Een jeugdorganisatie kan nu eenmaal niet buiten de financiële en morele steun van volwassenen. Maar het T.J.O.-bestuur houdt die volwassenen zeer zeker niet buiten de organisaties voor hen bestemd. Juist met het oog daarop, dat een groot aantal Nederl. leden, dat in 1940 nog tot de jeugd behoorde, nu tot de volwassenen gerekend kan worden, heb ik, met instemming van de overige bestuurders, in de streekvergadering van 12 Aug. te Koedijk, dus in de kop van H., er op aangedrongen, dat die volwassenen zich zouden aansluiten bij de Fed. of één der andere organisaties. En ik weet, dat deze aansporing gevolg gehad heeft.

Dat het bestuur zich zou laten beïnvloeden door één van de leden, op grond van het „leidsters-principe" is eigenlijk te gek om los te lopen. Men kan gerust aannemen, dat de voorz. Piet Krijt uit Amsterdam, de secr. Floor Meydam uit Leerdam en mijn persoontje als dagelijks bestuur wel potig genoeg zijn, om zich niet tot 'n on-democratische houding, door wie dan ook, te laten dwingen. Ik meen hiermee de bezwaren van Br. voldoende beantwoord te hebben.

Rotterdam. M. VAN DER HORST.

*(Wegens gebrek aan plaatsruimte enigszins verkort. Zie ook Rekonstruado, blz. 27. Red.)*

*(Daŭrigo de paĝo 30)*

tio, ĉar sur la tagordo troviĝas proponoj, kiuj povas kaŭzi dissplitiĝon en nia movado. Laste li esprimas la deziron, ke la kongreso okazu en plej kamaradeca sfero.

K-do Tjepkema sentas malplaĉon pro la likvido de la A.R. sen antaŭa interkonsiliĝo kun la sekcioj kaj fed. konsilantaranoj.

Oni nepre evitu tion, ĉar tiel ekregas malfido inter ni.

RESPONDOJ PRI LA RAPORTOJ.

K-do Veen, respondante la parolintojn, atentigas pri la signifo de la kongreso. Ĉu la kongreso estas kompetenta? Oni komprenu, ke ankaŭ la estraro konsideris la diversajn flankojn. Estas preferinde kaj necese sondi la opiniojn. Al tio pleje servas kongreso, en kiu oni pridiskutas konkretajn proponojn. Konferenco kun ekz. enkondukaj paroladoj ne tiel klare povas prezenti tion, kio vivas en nia organizo. La delegitoj en konferenco esprimas nur sian propran opinion. En ĉi tiu kongreso ili rajtas paroli en la nomo de la anoj, bone sciante iliajn opiniojn, ĉar en la sekcioj oni havis plenan okazon prikonsideri kaj priparoli la proponaron, kiu ĉion prezentas konkrete. Ĉi tiu kongreso do efektive ebligas al ni sondi ĉion, kio rilatas al nia organizo kaj ĝia nuna pozicio. Evidente la plej gravaj proponoj transiĝos al nia Paska kongreso, sed tiam tiu kongreso ankaŭ plene kapablos juĝi pri la problemoj. Tial ni preparis la okazigon de ĉi tiu kongreso, kiu servas al ĉiuj flankoj kaj kiu ebligos al ni jam nun ekkoni la irotan direkton. Tiel nia proksima Paska kongreso povos esti plej fruktodona.

Rilate la A.R. k-do Veen certigas, ke la estraro neniel intencas nuligi la konvencion kun S.A.T. Ni proponas anstataŭe novan rezolucion pro konsideroj favore al nia organizo kaj ĝia estonta pozicio.

La A.R. ni instalis, ĉar tiutempe estis nepre necese. Fakte ni aplikis ĝin por eviti dissplitiĝajn diskutojn.

Li komparas ĝin kun medikamento, havanta sanigan econ kaj kiun oni ne volonte englutas. Estus pli bone, se ĝi ne plu estus bezonata.

Evidente nek I.P.E. nek I.S.E. plu ekzistas. Por forigi la dolorigajn flankojn por ĉiuj niaj membroj, ni devis doni ion, kio estas akceptebla por ĉiuj.

Ni bezonas malfermitan pordon, por ke ĉiu, kiu deziras labori en la intereso de la laborista Esperanto-movado povu aliĝi.

La nova rezolucio enhavas la samajn direktivojn, kiajn la antaŭa.

La estraro ne volas eniri novan direkton, sed nur deziras pli vastan laborterenon, kaj pli faciligi aliĝon al nia Federacio ĝuste en ĉi tui grava momento.

Post tio la raportoj estas akceptitaj.

Antaŭ ol daŭrigi la tagordon la prez. proponas doni la parolon al k-do Spaarenberg, kiu jam antaŭe petis la okazon por tio.

*K-do Spaarenberg* per kelke da vortoj transdonas al la fed. estraro portreton de Dr. Zamenhof.

Esprimante la deziron, ke ni honoru en ĝi la mortintajn kaj mortigitajn gek-dojn de nia movado. La portreto estas desegnita de unu el niaj gekamaradoj, kiuj eble neniam revenos el la koncentrejoj kaj pri kies morto oni tamen nun ankoraŭ ne estas certa.

La prez. memorigante la farinton danke akceptas ĝin.

*K-dino Burgers* nome de sekcio Heerlen donacas al la Federacio belegan florvazon, faritan el iama grenado germana, kun floroj. Ŝi diras: Kvankam nia donaco antaŭ kelke da tempo estis signo de teruraj buĉado kaj detruo, ĝi por ni nun estu signo de paco kaj simbolo de kamaradeco.

*K-do Veen* alte taksas la donacon kaj per kelkaj vortoj dankas sekcion Heerlen.

PROPONKOMISIONO.

*La fed. estraro* kandidatigas k-dojn ten Hagen, Oudenhoven kaj Brugman. Akceptite.

En la nomo de la proponkomisiono k-do ten Hagen prezentas la sinsekvon de la proponaro. Post rimarkigo de *k-do Coppens*, ke pro ĉi aranĝo la plej gravaj proponoj venos plej laste la kongreso akceptas ĝin.

KOTIZO.

Proponoj 1 kaj 2.
*K-do Pauli* klarigas la proponojn. Li konsilas akcepti la proponon de la estraro kaj malakcepti proponon 2an.
Petas la parolon: sekcioj Zaandam, A'dam I, Hago, A'dam II, Vlaardingen, Gouda, Groningen, Heiloo, Leeuwarden, Westzaan kaj k-do v. d. Tuin, fed. konsilantarano.
La delegito de Zaandam klarigas la proponon de sia sekcio, kiu timas, ke la provizora kotizo fariĝos fiksa. Oni ne tute fidas tion, ĉar estintece provizoraj aranĝoj ofte fiksiĝis.
Ĉar la salonluo kaj aliaj aferoj en ĉiu urbo treege diferencas, ne eblas akcepti unuforman kotizon.
*Amsterdam* I deklaras sin kontraŭ propono 1a. Ĝi opinias, ke, se oni fiksas la enspezojn, necesas ankaŭ fiksi la elspezojn, ĉar oni havas diferencajn interesojn kaj aranĝojn, kiuj ĉie estas aliaj.
*Hago* defendas la proponon de Zaandam en tiu senco, ke la sekcioj rajtas postuli pli altan kotizon pro la samaj motivoj, kiujn jam citis la aliaj parolintoj.
*Amsterdam II* estas por la kotizo al la Federacio kaj distriktoj, sed opinias dezirinde, ke la distriktoj okupu sin prin la ĝenerala kotizo. Ekz., en urboj oni povas fiksi egalan kotizon.
*Vlaardingen* diras, ke la kasisto fakte diris, ke la sekcioj mem fiksu la kotizon, ĉar li parolis pri kroma kotizo.
*Gouda* samopinias kun Amsterdam II.
La reprezentanto de *Groningen* diras, ke estas nelogike ke la kasisto mem parolas pri postulo de kroma kotizo.
Ankaŭ sekcio *Heiloo* estas kontraŭ, ĉar ĝi jam devas pagi duoblan kotizon. Unuforma kotizo maleblegus al ili pluan agadon.
*Leeuwarden* opinias unuforman kotizon netaŭga.
*Westzaan* prezentas novan proponon, kiun ni nun jam ne povas akcepti.
Laste la fed. konslantarano v. d. Tuin substrekas la parolojn de la haga delegito.
*Respondas k-do Veen.* Gek-doj ni aŭdis la por kaj kontraŭ de ambaŭ proponoj. Ni nur fiksis provizoran kotizon, konsiderante, ke la paska kongreso eble prezentos alian bildon. Sub la nunaj cirkonstancoj ni proponas akcepti nian proponon ĝis la komitato pri la organiza formo estas preta.
Sekvas voĉdonado, kies rezulto estas jena *Por unuformeco.*
Adam 5, A'dam 13, Haarlem, Wormerveer, Amersfoort, Arnhem, Schiedam, Zaandijk, Nijmegen, A'dam 6, Dordrecht, R'dam 6, la aliaj kontraŭ.
La kotizo por la Fed. kaj distriktoj unuanime akceptiĝas.

STRUKTURO KAJ REGULARO.

Proponoj 3 kaj 4.
*K-do Kruit* enkondukas la proponon de la fed. estraro.
*K-do Kamstra*, delegito de Adam 3, sciigas, ke lia sekcio intencas transdoni sian proponon al la komitato fondota.
Se la komitato tamen ne strariĝos, lia sekcio persistas pri traktado de la propono en ĉi tiu kongreso.
Pri la dezirindeco de la komitato deziras la parolon k-doj Henstra, Varkevisser, Wels, Leerentveld, Kamstra, R'dam 3, R'dam 4, R'dam 5 kaj k-do v. Essen. Laŭ propono de la prez. la kongreso decidas prokrasti la diskutojn pri ĉi tiu propono ĝis la 2a kunsido.
Post invito de k-do Wels partopreni la S. A. T.-kunvenon dimanĉmatene je la 9a, la prez. fermas la 1an kunsidon je la 23a horo.

DUA KUNSIDO.

Dimanĉon, la 7 an de oktobro.
*La prez.* informas la kongreson, ke ĉeestis reprezentanto de „Nederlanda Katoliko", en kies nomo li komisiite salutas la kongreson. Post tio li sciigas, ke la funebra kolono devas esti kompletigita per kelkaj nomoj: k-do Wijnman kaj lia filo el Hago kaj k-do Brinks el Deventer, kiuj ĉiuj trovis la morton en germanaj koncentrejoj.



# Over verstaanbaarheid

De ministerconferentie te Londen, welke een week of drie duurde en begin October weinig resultaat bleek te hebben opgeleverd, is volgens Truman, den president der Ver. Staten, geen mislukking. Men moet niet vergeten, zo lazen wij, hoe moeilijk het vaak was elkaar te verstaan(!) O, Sancta Simplicitas. De redactie van „Het Vrije Volk" plaatste terecht een uitroepteken en, als om er de aandacht extra op te vestigen, nog wel tussen haakjes.
Inderdaad dienen wij hier meer dan gewone aandacht aan te besteden. Men is daar bezig voorbereidingen te treffen voor de vrede. Daar komen ministers van buitenlandse zaken bijeen om over ons wel en wee te beslissen. En ondanks dat men ons wil doen geloven, dat het Engels al zo wat de wereldtaal is (waarom de hele wereld haar alsnog moet gaan leren!) en men toch zeker zou mogen verwachten, dat intellectuelen, waartoe men hoogwaardigheidsbekleders als die te Londen bijeenkwamen mag rekenen, ten minste deze taal beheersen, blijken zij elkaar slechts moeilijk te verstaan. Doet men dat niet, dan zijn ook de Engelsen en Amerikanen niet gediend. Men verstaat elkaar dan wederzijds niet. Nu komt er nog dit bij, dat men het niet eens is over de juiste uitlegging van de tekst van verschillende overeenkomsten.
Zeker, *als* men overal het engels als internationale voertaal *zou* invoeren, en men zou het ook overal behoorlijk leren hanteren, dan....
Wij weten beter.
In alle landen bestaan er organisaties en zijn er esperantisten, die het Esperanto propageren en het gebruiken in het verkeer met elk land. *Daarom zullen wij slagen.*
Propagandisten voor het engels zijn er niet, behalve dan, dat men in ons land af en toe eens een vertoog ten gunste daarvan houdt. De leraars die er van moeten leven, zijn in de laatste plaats propagandist. *Daarom slagen zij niet.*
Ieder onzer zij propagandist voor Esperanto. Zorgen wij het voorbeeld te blijven in internationale verstaanbaarheid. En beginnen wij in de arbeidersbeweging het eerst. Opdat men daar althans elkaar wel leert verstaan. H.W.A.

STRUKTURO KAJ REGULARO **(daŭrigo).**
Proponoj 3 kaj 4.
*Arnhem* rimarkigas, ke nenio estas perfekta. Gustas, ke ni esploros la mankojn en statuto kaj regularo. Tial sekcio Arnhem rekomendas akcepti proponon 3 por malkovri la mankojn kaj malakcepti proponon 4. Ili bedaŭras, ke ilia amendo pro malfrua ensendo ne povas esti pritraktata.
*Hago* opinias, ke ne necesas fondi komisionon por esplori la strukturon de nia organizo. La federacia formo montriĝis la plej taŭga en la antaŭmilita tempo. Nun ni ie kaj ie aŭdas pri unueco, renovigo, centralizo. Sed ĉiu centralizado kondukas al glaciiĝo kaj kristaliĝo. Kamaradoj, kiuj volas eviti konservatismon, per plena centralizo preparus la grundon fekunda por nova konservatismo. Ju pli da unuformeco, des pli da katenoj, kiuj mortigas la individuan povon. Sekve des malpli da libero. Tion ja pruvis la historio. Ĉu la centralismo estas faŝisma ĉu demokrata, la diferenco estas nur grada, ĉar ambaŭkaze la komando venas el la centro kaj ni scias kiel facile oni influas la amason.
Nia Federacio pereus pro la centraliza principo, samé kiel jam tutaj ŝtatoj pereis pro ĝi. La Federacio ja estas kultura organizo kaj kulturo ne povas kreski el centra komando. Kulturo kreskas el la popolo mem, ne pro, sed malgraŭ centraj instancoj. Tial ni forte malkonsilas al la kongreso akcepti kaj proponon 3 kaj proponon 4. Fakte ili temas pri la sama.
*K-do Leerentveld* (ĝenerala membro): Ŝanĝo de la strukturo de nia organizo ne estu la tasko de komisiono. Ĉiu ano por si mem pristudu tiajn aferojn. Jam ekzistis centoj da komisionoj, sed ili ne havis valoron.
*Amsterdam III* rimarkigas, ke se la kongreso ne akceptus proponon 3 ili tenas proponon 4.
*Rotterdam III* subtenas la vortojn de Hago.
*Rotterdam V* opinias, ke la kongreso dividiĝis en du grupoj: unu por la centraliza, alia por la federacia formo. Eble oni fariĝis ŝanĝema sub la influo de la politikaj partioj. Kelkaj personoj estas eĉ kontraŭ unuformaj kotizkartoj. Ambaŭ sistemoj havas bonajn kaj malbonajn flankojn. Ni esprimas la deziron, ke la komisiono elektota konsistu el kamaradoj de ambaŭ grupoj.
*Amsterdam II* bedaŭras, ke kvankam sekcio Amsterdam III fakte jam reprenis sian proponon, oni tamen pridiskutas ĝin. Li rekomendas doni la okazon al por-uloj kaj kontraŭuloj esprimi sin sur la paĝoj de „L.E." Cetere li opinias, ke almenaŭ en la distriktoj devas esti samaj reguloj.
*K-do Kruit.* Evidente la kongreso iom miskomprenis la proponon de la federacia estraro. En ĝi ne estas esprimita iu konkludo; ĝi nur esprimas la dezirindecon por esplori la eblon kaj bezonon de pli centralizita strukturo. La komisiono, kies tasko la esplorado pri ĉi tiuj organizformoj estas, en sekvonta kongreso povas prezenti konkretajn faktojn. Li konsentas kun Rotterdam V, ke en la komisiono adeptoj de ambaŭ formoj estu reprezentataj.
Sekvas voĉdonado pri propono 3. Kontraŭ: Amsterdam II, Beverwijk, Hago, Rotterdam IV, la ĝeneralaj membroj: Greefkes, Leereveld kaj De Vries. La propono do estas akceptita.
La federacia estraro proponas jenajn kandidatojn:
Unu federaci-estrarano: Van Haren.
Unu konsilantarano: Van Essen.
Unu distriktestrarano: Spaarenberg.
Du membroj: Alings kaj Kamstra.
Akceptite! *(Daŭrigota)*

## STUDOSERVO

La alvoko en no 4a havis sukceson; t.e., kontentiĝe granda nombro da ĝekamaradoj anoncis sin por partopreni en la Studoservo. Sed la aranĝo, laŭ kiu ni dividis la partoprenantaron en grupojn, evidentiĝis ne laŭcela. Anoncis sin sufiĉe granda aro da studantoj por grupo A. Por B kaj C ni notis nur tre malmultajn partoprenantojn. Sed por D (studado por la B-ekzameno) anoncis sin tiom multaj, ke ni nepre devas ŝanĝi la ĝisnunan aranĝon.

La nova aranĝo estas jena:

*Grupo A:* Gvidanto k-do J. Lem Jr., Valentijnkade 2[3], Amsterdam-O. Oni studu „Nia Lernolibro" aŭ „La Komencanto" kaj laŭdezire „Fundamenta Krestomatio" kaj sendu siajn tradukojn por korektado al la gvidanto.

*Grupo B:* Gvidanto k-do H. Velthove, Vegastraat 38, Amsterdam-N. Oni mem elektu taskojn tradukotajn kaj sendu siajn tradukojn k.t.p. por korektado.

*Grupo C:* Gvidantoj k-doj J. van Scheepen, Kamperfoeliestraat 235, Den Haag, H. Kuyt, Ruyschstraat 131 II, Amsterdam-O., kaj k-do W. Slotegraaf, Monsterschestr. 135, Den Haag.

Oni studu „Tra la Labirinto", „Gvidilo" kaj minimume ses literaturajn verkojn laŭ konsiloj, donitaj en „Leidraad", kaj sendu tradukojn por korektado, provojn pri literatura studado, demandojn pri konsiloj k.t.p. al la respektivaj gvidantoj, kiujn ni antaŭe komunikis al ili.

Ankoraŭ ekzistas okazo por anonci sin kiel partoprenonto. Oni tamen ne senpere sendu siajn unuajn tradukojn al la gvidantoj, sed anoncu sin komence al mi, por ke mi povu kontroli kiom da personoj partoprenas.

Nepre uzu utile venontajn vintrajn vesperojn! Flandraj partoprenantoj ne aldonu poŝtmarkon al siaj tradukoj, sed anstataŭe notu la afrankojn, por ke ili povu konvenokaze egaligi sian konton kun la federacia kaso.

G. J. DEGENKAMP,
Vier Heemskinderenstraat 53[2],
Amsterdam-W.

## Stranga, sed urĝa instigo

Instigon partopreni ekzamenon oni ĝenerale direktas al studantoj, ne al instruantoj. Ĉi foje mi sentas min urĝinta fari escepton en tiu regulo. En nia organizo, nome, eble pli ol en aliaj organizoj ĉi landaj, ni havas plurajn instruantojn, kursgvidantojn, kun tre bona reputacio, inter kiuj kelkaj jam kun multjara spertado, sed .... kiuj mem ne havas la instruistan diplomon.

Kvankam ne volante aserti, ke la kapablo instrui la lingvon iel dependas de posedo de diplomo, mi tamen akcentas, ke tio estas neĝusta stato, kiun korekti estas morala devo de la koncernataj instruantoj.

En laboristaj rondoj oni atribuas ne tiom multe da valoro al diplomo ol en rondoj neŭtralaj. Tamen, sen valoro la diplomoj ĉe ni ne estas! Certe, sufiĉas instrukapablo, ankaŭ sen atesto pri ĝi; kaj pli valoras multjara spertado ol pene, sed apenaŭ akirita diplomo. Sed per tio oni ne forparolu la fakton, ke komencantoj ĝenerale havas pli grandan fidon en kursestro diplomita ol en sendiploma, ĉar la parolo de la unuaj iliaopinie estas pli aŭtoritataj kaj sekve: pli influaj. La posedo de instrua atesto do bone influas la prosperon de kurso.

Due, posedo de tia atesto havas valoron propagandan. Ekzistas ja homoj, kiuj kutimas mezuri ĉies kapablojn laŭ paperaj atestoj. Se homoj tiaj konsiderus la instrufortojn de nia organizo proporcie laŭ la B-diplomitaj instruantoj, ili sendube juĝus erare, grave ilin subtaksante. Do, povante fieri pri pli granda nombro da B-diplomitoj ol ĝis nun, ni favore influus nian propagandon.

Sed ekzistas krome tria motivo por spertaj instruantoj submeti sin al ekzameno. Por iaj funkcioj oni nepre bezonas ilin; inter ili ja troviĝas kelkaj tre lerte spertaj veteranoj, plene kompetentaj por funkcii ekzemple kiel ekzamenanto. Por tiu funkcio ili tamen ne estas elekteblaj, ĉar .... mankas iliaj diplomoj!

Sed simpla instigo al tiaj kamaradoj submeti sin al ekzameno, ne efikas. Mi plene komprenas, ke ili havas skrupulojn kontraŭ tio. Por konservi, eĉ por plifortigi sian prestiĝon, ili ja bezonas ne la diplomon — kiu per si mem nur konfirmas ilian kapablon — sed nepre bezonata estas bona, eĉ bonega poentaro. Supozu, ke multjara kursgvidanto akirus kelke da apenaŭ sufiĉaj poentoj! Lia reputacio estus por ĉiam for. Laŭsperte mi bone komprenas tiajn skrupulojn, sciante, ke ne estas facile venki ilin. Ili tamen estas venkeblaj kaj -endaj, ĉar serioza instruanto ĝenerale ne sub-, sed trotaksas la sciojn, bezonatajn por ekzameno; kaj liaj spertoj permesas al li juĝi pri tio pli facile kaj vaste ol tion povas fari ĵus prepariĝinta kandidato.

Alia skrupulo kontraŭ ekzameniĝo estas, ke tiaj malnovaj, iafoje eĉ iom aĝaj kamaradoj ne tre ŝatas esti ekzamenataj de malpli spertaj kaj junaj ekzamenantoj, inter kiuj ili riskas rekoni eĉ ian lernanton sian. Tiu lasta sendube mirus, aŭdante, ke la instruinto eĉ ne posedas jam la diplomon.

Tiaj sentimentaj skrupuloj estas la plej malfacile venkeblaj; tamen, venkeblaj ili estas. Ĉu homo, kontentiĝe solvinta por si plurajn lingvoproblemojn kaj praktikinta multjaran instruadon kun ĉiufojaj problemoj kaj problemetoj, ne kapablus venki skrupulon fakte senbazan?! Ni jam ne parolu pri tio! Sed forte mi ripetas la instigon: malnovaj spertuloj sendiplomaj, havigu al vi tiun diplomon baldaŭeble; ĝi ne kostos al vi multan penon; kaj la rezulto favore influos la reputacion, la agadpovon kaj la moralan forton de nia Federacio.

G. J. DEGENKAMP.

## Korespondado

La anoj de la L.E.A.-grupo en Aarhus (Danio) deziras korespondi.

Oni skribu al: M. Jacobsen, Brendstrupvej 8, Aarhus, Danlando.

Deziras amike korespondi pri la konceptoj: demokratio, kooperacio, la biblio kiel moralinstrua libro, k.t.p.: K-do G. J. Worst, de Ruyterstraat 47, Den Haag, Nederlando.

# Uit de afdelingen

### AFD. AMSTERDAM VII.

**Secr.: Vegastraat 38 N.**

Het verheugt ons onze leden mede te kunnen delen, dat we er eindelijk in geslaagd zijn om een voor ons doel geschikte zaal te verkrijgen.

Na de hervatting van ons werk moesten we ons tot nu toe tevreden stellen met een zaal, waar ons de studie en lezingen soms onmogelijk gemaakt werden door kabaalschoppende leeghoofden en het rumoer van musicerende jazzbanden.

Wij prijzen ons daarom gelukkig, dat de Heer v. d. Velde, Directeur der modelwasserij „De Lelie" aan de Grasweg, zo welwillend is om ons de cantine van zijn bedrijf voor 2 avonden per week om niet af te staan. Hierbij mogen we zelfs van de verlichting en de verwarming gebruik maken.

Wij gevoelen ons dan ook gedrongen om ook op deze plaats den Heer v. d. Velde hartelijk dank te zeggen voor deze geste aan onze afdeling bewezen.

Het Bestuur.

### AFD. LEIDEN.

**Secr.: Anna Paulownastraat 50a.**

La 8an de Okt. ni, kune kun la neŭtrala unuiĝo „Pacen", aranĝis propagandvesperon. La prezidanto, k-do S. Serdijn, malfermis la kunvenon kaj rakontis i.a., ke esperantistoj ĉie en la mondo jam laboras por nia movado. Li finis sian paroladon, instigante la ne-esperantistojn por partopreni kurson. Tiam ni komune kantis „La Espero". Post tio sinjoro P. J. Hoope, prezidanto de „Pacen" paroladis pri: „Celo kaj esenco de la esp. movado". Li ankaŭ ĝuste kaj kortuŝite skizis la multajn malfacilajojn, kiujn Dro Zamenhof devis venki, antaŭ kiam li estis preta kun la kompilado de nia amata lingvo!

Sinjorino H. Aukes, ankaŭ de „Pacen", deklamadis kaj rikoltis longdaŭran aplaŭdon!

Sinjoro M. v. d. Kreeke „Pacen", parolis pri: „kontakto kun la mondo". Li montris, ke tio nur povas okazi per esperanto! Estis tre interese.

Por la muziko zorgis la tre bona trio de Aart Boender (La havajaj amikoj).

Ankaŭ nia k-dino, St. de Graaf, kaj Sinjoro J. v. d. Keur muzikis. Post la paŭzo ni prezentis teatrajon, nomitan: „Door esp. tot de Vrede", en kiu kunlaboris 10 personoj, ĉiuj anoj de nia propra unuiĝo, „Fajrero".

Ni ricevis longdaŭran aplaŭdon! Do ni povas esti kontentaj pri tiu vespero. La salono estis plenplena. Ni taksas la nombron de la ĉeestantoj je ± 300 personoj!

Ni gajnis 27 kursanojn!

Ĉi kune mi dankas ĉiujn personojn, kiuj kunlaboris por sukcesigi tiun versperon!

### AFD. WILLEBROEK.

**Secr.: Appeldonkweg 37.**

Nia sekcio kunvenis la 10an de oktobro ĉe nia prezidanto. Preskaŭ ĉiuj membroj ĉeestis. La prezidanto malfermis la kunvenon iomete pli malfrue ol ordinare kaj tuj donis la parolon al nia raportisto, kiu voĉlegis la raporton de la antaŭa kunveno. Unanime oni akceptis ĝin.

La dua punkto rilatis al la propagando. La plej granda parto de la ricevitaj propagandaj broŝuroj, kiujn ni ricevis de nia Federacio, estas jam vendita. Ni decidis ankaŭ inpresigi propagandan artikoleton en la regiona gazeto „De Waarheid" kaj ni esperas ke niaj penoj estu fruktedonaj.

La tria punkto, k-do Van der Plas interpelaciis pri la silentado de la distrikt-estraro Antverpeno. La sekretario promesis, ke li informigos sin pri la estraro, kaj pri ilia silento tie.

La kvara punkto, eble la plej grava, estas kiam kaj kiel komenci kurson. Nia prezidanto, ekskursgvidanto, povas ĝis nun ankoraŭ ne plenumi tiun taskon, pro manko da tempo, ĉar ĉiutage li tromalfrue venas hejme. Tamen ni ekzamenas trovi solvan alimaniere. Finfine la estraro instigas la membrojn kaj precipe tiujn, kiuj ne ĉeestis en la kunveno, en la estonto regule viziti ĝin. La proksima kunveno okazos ĉe k-do Van der Plas, Klein Willebroek, la 31an de oktobro 1945 je la 9.30.

La sekretario.

### AFD. ZAANDAM.

**Secr.: Franschestraat 17 (tel. 3571).**

Na een intensieve propaganda-actie, zijn we er in geslaagd een begin-cursus te vormen met ruim 40 cursisten.

Deze cursus staat onder de bekwame leiding van k-do Brondijk, en we hopen dat het uiteindelijke resultaat zal zijn: „pligrandiĝo de nia movado en kvanto kaj kvalito".

De volgende verheugende mededeling is, dat het bestuur er in geslaagd is een interessante lezing te organiseren getiteld: „Dum 2 horoj tra la mondo".

De lezing zal paats vinden Dinsdag 13 November a.s. in 't gebouw „de Harmonie", Stationsstraat, 's avonds 7.45 u. Spreker is k-do Slinger, en de lezing wordt verduidelijkt en verfraaid door het vertonen van lichtbeelden.

Het internationale postverkeer, tenminste in Europa, functionneert weer vrij goed. Verschillenden van onze leden hebben reeds contact met hun oude correspondenten. Na 5 jaren van gebondenheid staat de wereld weer voor ons open. Plifortigu la internacian kontakton kun ekstenlandaj ĝesamideanoj! Korespondu!

La estraro.

## Bestuursmededelingen

**Correspondentie.**

Alle correspondentie blijve men richten aan het adres: Fed. van Arbeiders-Esperantisten, Vier Heemskinderenstraat 53 II, A'dam-W. Voor de verschillende onderwerpen, als Libro-Servo, Administratie, Financiën enz. bezige men een afzonderlijk velletje papier. Hiermede wordt een vlotte afwerking bevorderd en behoeft niet elke brief door verschillende handen te gaan.

**Contributie.**

Betaling van contributie, bestelde boekwerken enz., gelieve men voorlopig per postwissel te doen, daar de postgiro nog geen vrije rekening heeft, doch slechts girale en geblokkeerde.

**Adressen voor correspondentie.**

Ons bestuur heeft zich tot verschillende buitenlandse instanties gewend, met het verzoek ons correspondentie-adressen ter beschikking te stellen.
Zij die prijs stellen op correspondentie kunnen zich opgeven. Een postzegel voor antwoord, dient bij de aanvraag te worden ingesloten.

**Contributie België.**

De contributie voor de Vlaamse afdelingen is bepaald op B. fr. 2.— per maand en per lid voor de Federatie en B.fr. 0.50 per maand en per lid voor het Vlaamse district.
Evenals voor Nederland, is deze contrib. bepaling voor België een provisorische en zal het Paascongres 1946 definitief beslissen over de te heffen contributies.

**Reiskosten gedelegeerden.**

Deze kunnen van de te betalen congrescontributie in mindering worden gebracht, onder inzending van een door den gedelegeerde ondertekende afrekening. Alleen wanneer het te betalen bedrag voor congrescontributie lager is dan het te vorderen bedrag voor reiskosten, mag het verschil bij betaling van de afd. contributie in mindering worden gebracht. In andere gevallen is verrekening met te betalen afd. contributie niet toegestaan.

**Terugbetaling Reiskosten konsilantaranoj en gedelegeerden.**

Daar terugbetaling tijdens het congres niet mogelijk was door gebrek aan contant geld, in verband met de geldsaneringsmaatregelen, kan verrekening als volgt plaats vinden:

**Reiskosten konsilantaranoj.**

Wij verzoeken den konsilantaranoj hun declaratie ondertekend in te zenden, dan worden hun de reiskosten per postwissel vergoed.
De max.vergoeding bedraagt in beide gevallen f 5.—.
Vele afdelingen betaalden nog niet de verschuldigde congrescontributie. Alleen wanneer deze betaald is, kan vergoeding voor reiskosten betaald worden.

**Ricevitaj Donacoj:**

Sekcio Waubach f 38.45; Sekcio Krimpen a. d. Lek f 3.—; Sekcio Stadskanaal f 10.—; Sekcio Wormer f 10.—; A. v. B., Opheusden f 3.40; D. v. R., Vijfhuizen f 3.24; Sekcio Stempetoren f 2.45; M. P. B. Baarland f 3.60; Sekcio Groningen f 101.—; Sekcio Koog-Zaandijk f 10.—; Sekcio Adam IIIa f 4.75; Annie D., Oostzaan f 5.15; K-dino N., Rockanje f 25.—; S-ino O.-C., H'sum f 6.— kaj D. de B (ano N.C.E.V.) den Haag f 0.25, Sumas f 226,29. Kun la antaŭe menciita sumo de f 599.12 (nro. 5, paĝo 24) entute f 825,41.

**La Progresanto**

zal zo mogelijk met ingang van Januari 1946 wederom verschijnen. Zie advertentie in dit blad.

**Esperanto juist nu.**

Van deze propaganda brochure is nog een kleine voorraad ter beschikking. Bestelt nog heden.

**Volgend L.E.**

verschijnt op 30 November a.s. Copy diene uiterlijk 17 Nov. in ons bezit te zijn

---

*S.A.T. KOLONO*

## Alarmo!

Pasis ses monatoj de kiam oni en Eŭropo ĉesis militadi. Naciskale la esp.-movado jam viglas, mondskale multaj obstakloj malhelpas nin normaligi niajn interrilatojn kaj la funkciadon de niaj asocioj. Plej gravas, ke translima paĝo ankoraŭ ne eblas. Finance ni estas izolitaj. Se S.A.T. volas eldoni organon, ĝi devas fari tion en lando, kie loĝas la plimulto el ĝiaj membroj. Tiu lando estas Nederando. Ni estas pretaj plenumi tiun taskon: eldoni „Sennaciulo" -n por la tuta mondo, kaj ni, en Nederlando, provizore devas pagi ĝin. Paperon por la nunaj 3—4 numeroj ni povas akiri. Tre multaj k-doj jam renovigis sian membrecon; malmultaj pagis ĝis nun. Ni ne insistis, sed nun ni bezonas monon, kaj tuj! La mono, kiun la R-dama P.K. konservis de antaŭ la milito, estas en Anglio, do provizore blokita. K-dino Prent-Moon, kiu baldaŭ vojaĝos Anglion, klopodos por ni. Sed krome ni bezonas la kotizon de ĉiuj membroj. Mi insiste petas vin pagi vian kotizon por 1946 *jam nun*. Ne prokrastu, ne atendu, sed sendu vian kotizon kaj, se eblas, eĉ pli! La jaran kotizon ni fiksis je 2.50 gld. Pagu poŝtmandate al k-do C. van Essen, Floretstraat 10, Roterdam-Z. (Bijkantoor Vreewijk). La sekciaj perantoj eklaboru, sekciaj estraroj subtenu nin kaj oni elektu taŭgan peranton tie, kie neniu ĝis nun agadis por S.A.T. La perantoj varbu kaj enkasigu la monon. La afero urĝas! „Sennaciulo" estu la unua tutmonda Esp.-organo, kiu aperos post la milito. Tuj kiam ni havos la oficialan konsenton de la P.K. en Parizo (pri kiu ni ne dubas), kaj monon, ni eldonos „Sennaciulo" -n. Helpu nin, konsciu pri la gravo de nia alarmo. Pagu tuj! Se ne eblas al vi pagi la tutan kotizon, vi pagu almenaŭ la duonon. Ni kalkulas je vi, k-doj. Ni donu al la Esp.-mondo bonan ekzemplon kaj pruvon pri nia amo por S.A.T., kiu ja estas la bastiono de la laborista esperantismo.
Anticipan dankon! BAS WELS.

## Een nieuw geluid uit Leiden

Passage uit de toespraak, bij de hervatting der colleges op 5 October 1945 voor de verzamelde faculteit der letteren en wijsbegeerte, gehouden door den decaan Prof. Dr. C. de Boer, hoogleraar in de Romaanse taal- en letterkunde aan de Rijksuniversiteit te Leiden. (overgenomen uit: Leids Universiteitsbad, 15 Oct. 1945, 11e jaargang, No.3, blz. 7).

„Naast dergelijke kwesties binnen de faculteit zijn er ook, die weliswaar buiten haar werkkring liggen, maar die haar leden, docenten en studenten, toch in meerdere of mindere mate behoren te interesseren. Bijvoorbeeld: de kwestie van de nieuwe spelling, of die van het Esperanto; twee vraagstukken waarin ontzettend veel gebeunhaasd wordt, en die volstrekt niet zo gemakkelijk zijn als het sommigen toeschijnt: bij beide kwesties is enig begrip van het wezen der taal geen overbodige weelde, ook al behoren linguisten hierin niet het laatste woord te hebben. Ik zou slechts willen opmerken, naar aanleiding ener recente publicatie, dat een levende taal, dus de taal van een bepaald volk, nimmer enige kans kan hebben, algemeen als wereldtaal geaccepteerd te worden, hoeveel miljoenen mensen die taal ook spreken en hoe verbreid die ook moge zijn over de aardbol. Zo vriendschappelijk zijn de internationale verhoudingen nog niet! Een internationale taal zal nimmer iets anders kunnen zijn dan een kunstmatige taal, en hier heeft het Esperanto reeds bewezen, vele der eigenschappen te bezitten, die in deze nodig zijn."

---

NEKROLOGO.

Post kelkmonata malsano, mortis la 22an de oktobro nia 2a prezidanto

A. J. GOEMANS.

Li ĉiam estis fidela kamarado kaj fervora Esperantisto, kaj kiel tia li restas en nia memoro.

SEKCIO A'DAM IV.